# POLA ESPERANTISTO

XXVIII JARO | NOVEMBRO 1934 | 11 NUMERO

## ESPERANTYSTA POLSKI

MONATA REVUO DE ESPERANTISTA MOVADO EN POLUJO KAJ EKSTERLANDE
MIESIĘCZNY PRZEGLĄD RUCHU ESPERANCKIEGO W POLSCE I ZAGRANICĄ

ELDONANTO / WYDAWCA: POLLANDA ESPERANTO-DELEGITARO.

REDAKTANTOJ / REDAKTORZY: PROF. DR. ODO BUJWID — TAD. HODAKOWSKI

APERAS LA 1-an DE ĈIU MONATO. REDAKCIAN MATERIALON ONI PETAS SENDI ĜIS LA 20-a DE ĈIU MONATO.


# Ĝa monumento restu pura!

Antaŭ ol mi denove forlasis, post kelksemajna restado, Varsovion, mi vizitis adiaŭe la tombon de mia Patro.

Tiuj el vi, kiuj loĝas en Varsovio, bone konas tiun grizan sarkofagon el skota granito. Tiuj, kiuj loĝas aliloke, konas laŭ bildoj tiun ŝtonon, kiu sur la fronta parto portas la nomon, registritan en la registrlibro de senmorteco, kaj sur la alia flanko atestas la amon kaj memoron de samideanoj sennombraj kaj anonimaj per la surskribo: „Starigita de la Tutmonda Esperantistaro".

Ĉiam neforgeseble ĉizita estas en mia koro tiu griza granito, alportita el la nebula Skotlando kaj ĉi tie, en Polujo, jen karesata de sunaj radioj, jen surverŝata de aŭtunaj pluvoj, jen ornamata per floroj, kiujn metas sur ĝin fidelaj manoj.

Kaj nun, proksimiĝante al la monumento, mi konsterniĝis: granda makulo de malpure viola koloro, kvazaŭ pro verŝita inko, kovris parton de la flanka surfaco. En la makulo oni povis ankoraŭ deĉifri dikajn literojn, faritajn per ĥemia krajono, kaj formantajn la tekston: „Vivu la movado de la Esperantistaro". Sekvis la unuaj literoj de la nomo kaj dato.

Pluvo disŝmiris la anilinon sur la granito kaj la monumento staris makulita, malpura...

Mi ne scias, kiu estas la aŭtoro de tiu ĉi surskribo. Al li kaj al ĉiuj aliaj, kiuj eble volus iam per simila maniero „honorigi" la Majstron, mi direktas la peton: lasu la monumenton pura.

Sed estas aliaj makuloj kaj aliaj makulantoj.

La tutmonda Esperantistaro starigis sur la tombo de sia kara Majstro tiun granitan sarkofagon. Alian monumenton, pli daŭran, ol la granita kaj la solan vere senmortan ni, la esperantistoj de la tuta mondo, konstruas, briko post briko, disvastigante tra la mondo la vivoverkon de la Majstro, Esperanton. Ni gardu nin de ambicio, kiu igus nin makuli la monumenton, ĉizante sur ĝi perforte nian nomon.

La tomba ŝtono de la Majstro estas starigita de la tutmonda Esperantistaro. Neniuj nomoj figuras apud tiu ĉi surskribo. Vizitanto, kiu rigardas la graniton, ne scias, de kaj el kie venis la oferoj, kiom oferis riĉulo kaj kiom malriĉulo, kiu alportis oron kaj kiu, laŭ sia povo, nur kupran moneron.

Ankaŭ sur la spirita monumento, tiu plej granda, devas figuri nur la vortoj: „Starigita de la tutmonda Esperantistaro". Neniu penu enskribi tie sian nomon aŭ meritojn. Ĉar ĉiu peno, kies celo estas elmontri sin, fari lokon por la propra nomo, estas nenio alia, ol makulo.

Ne ĉiuj manoj estas puraj. Estas konstruantoj, kiuj, alportante en unu mano brikon al la monumento, en la alia kaŝas anilinan krajonon, por enskribiĝi per dikaj literoj sur sia briko. Kaj la ventoj de ambicio alportas pluvojn de ĵaluzo, kaj malmultaj volas resti nekonataj inter konatoj. Kaj anstataŭ harmonie kaj orde meti brikon sur brikon, ĉu ne okazas kelkafoje, ke oni eĉ penas elŝiri iun brikon, se ĝi ŝajnas apud la aliaj tro bela?

La historio mem faros iam justecon kaj enskribos sur siaj paĝoj la nomojn de la veraj merititoj. Ni nur laboru, ĉiu laŭ sia povo, por la kara Afero, ne por nia propra gloro, kaj oferante nian penon kaj laboron, ni ne sonigu la farizeajn sonorilojn kaj ne kaŝu ruze en la mano la anilinan krajonon.

Belan, grandan monumenton ni konstruas. Ĝi restu pura!

**Lidja Zamenhof.**

# Nia dudeksesa en Stokholmo.

**(Daŭrigo)**

Kiu ĉeestis plurajn Esperanto-kongresojn, tiu povis konstati ĉiam la du regantajn entuziasmojn de la partoprenantoj: unuflanke la ĝojon senti sin egalaj en kompreno kaj en uzo de unu sola helplingvo, donanta al la kunveno la econ de familia renkonto for de ĉiu lingva baro, ĝeno, supereco aŭ malsupereco, kaj aliflanke la plezuron ekkoni pli proksime unu novan membron de la homa familio, unu plian popolon por ŝati kaj admiri, eĉ por ami en ĝia malkovrita intimeco kaj amika gastigado.

Tiu rimarkinda gusto pri naciaj kultimoj de ceteraj nacioj, tiu scivolemo pri ilia vivo kaj la popolarto ĉiam estis disvastigata per Esperanto samtempe kun la kompreno pri homara unueco kaj solidareco, tiu beninda sento, kiu nature kunflugas sur flugiloj de internacia lingvo.

Sed tiu sento pri unueco ĉiam sin ligis kun la ŝato al diverseco. Neniam ĝi similis al unuigo detruva kaj frostiga, kiu fortranĉus per maŝina falĉilo ĉiujn florojn de la kampo, por atingi severe tondilan kaj unuforme razitan ebenaĵon.

Ĉar la internacia lingvo ĉiam fidele kreskis en sia rolo helpa, neniam anstataŭa, ĝi profitis el la trezoroj ĉie malfermitaj al ĝi, kiel profitas abeloj el la diversaj floroj por sia bonodora mielo. Esperanto ne malriĉigis siajn lernintojn, sed riĉigis ilin per amika ŝlosilo por malfermi multajn korojn kaj kompreni la valoron de ĉiuj, eĉ plej malgrandaj naciaj kulturoj, baraktantaj por la vivo.

En nia tempo, la nacioj emas aserti sian rajton kaj fieri pri la propra personeco kaj tradicio. Tio estas natura fenomeno post epoko de subigoj aŭ malegalaĵoj. Nura danĝero estas, ke ĉiu nur aŭdu sin mem kaj ne komprenu, ke sama fiero kaj sama vivovolo estas egale naturaj ĉe la najbaro.

Aldoni la komprenan modon al la aserta modo, jen la speciala rolo kaj tradicio de la helpa lingvo, kreskinta sur bazo semita antaŭ duonjarcento de klarvida geniulo.

Kompreni la senton de la ceteraj, tio estas komenco de amikeco. Kiu spertis tion en egaleco lingva kaj facileco komunika, tiu ekhavos por sia popolo pli altan ambicion ol nura fiereco pri si mem, li volos, ke ĝi fariĝu io pli solida, ol nacio timata, li volos, ke ĝi estu amata membro de la tuta familio.

Unueco en diverseco kaj diverseco en unueco, tio estas la spirito, disvastigata de modesta lingvo kun modesta rolo, sed kun jam profunda sperto. Vivante sub ĝia stelo dum unu semajno, vi similas al homoj, starantaj sur monto ĝuste sub blua spaceto de l' ĉielo, aliloke kovrata per minacaj nuboj.

Foje la montaranoj supreniras eĉ pli alten kaj la maro de nuboj fermiĝas sub ili. Rigardante malantaŭen kaj malsupren, ili vidas sub si la grizan oceanon kaj ridas je ĝia minaco.

Morgaŭ vi ĉiuj reiros hejmen, kiel la montarano reiras malsupren en la valon kaj retroviĝas sub griza ĉielo kun minacantaj nuboj. Tiam ne forgesu la spertojn de tiu-ĉi semajno. Memoru, ke super tondraj nuboj estas ebleco de blua ĉielo.

Fine la homoj faras mem grandparte sian sorton kaj bloviĝas mem la ventojn, kiuj kovras aŭ puriĝas ilian ĉielon. Se vi spertis, ke la disvastigo de Esperanto kiel helpa lingvo bloviĝas freŝan kaj utilan venton de bonvolo kaj kompreno, tiam ebligu aliajn homojn partopreni la saman ĝojon kaj kune prepari la novan estontecon. Ne lasu vin subpremi de pezaj atmosferoj. Post mallumo

venas lumo, post ventego venas hela ĉielo. Post ĵaluzo venos klarigo. Post suspekto kunlaboro.

Vi plendas, ke iaj sciencistoj laboras por pretigi modernajn ilojn de mortigo kaj detruo, sed vi mem ja posedas admirindan ilon de kompreno kaj konstruo. Konkurencu do la malbonon per la bono kaj tenu la vivigan ilon eĉ pli preta, ol la mortigaj.

Vivu Esperanto, kreanto de unueco kaj savanto de diverseco".

Alia tre impresiga momento estis, kiam prof. dro Odo Bujvid, la kamarado, amiko kaj sekvanto de la Majstro post sia salutparolado, forte aplaŭdita de ĉiuj gekongresanoj, vokis el la publiko la 9-jaran nepon de la Majstro, Ludovikon Zamenhof, kaj paroligis lin. La knabo ne ektimis la kelkmilan aŭskultantaron kaj kuraĝe salutis la filojn de l' tuta homaro en bela Esperanto.

Kiso, donita de prof. Bujvid al la knabo, estis por li certe plej granda rekompenco. Ĝi eble anstataŭis al li la kison, kiun li estus ricevonta de sia genia avo... se li ĝisvivus tiun feliĉan momenton.

Sed jen alvenas jam la fino de la malferma kunsido. Antaŭ la ĉeestantaro aperas la impona kaj alloga figuro de la rektoro Jansson. Li dankas al ĉiuj, kiuj helpis al la bela soleno.

Eksonas la milda „Espero". Ekstaras ĉiuj. El ĉies brustoj alten ekflugas la kanto pri la nova sento.

La solenaĵo estas finita.

(Fino de kongresa raporto en sekvonta No). **J. Ŝapiro.**

# OFICIALAJ SCIIGOJ DE LA AKADEMIO.

1. — Pro sia elekto kiel prezidanto de U. E. A., **Sro. Generalo Bastien** rezignis pri la ofico de direktoro de la Sekcio „Komuna Vortaro". **Sro. W. Bailey** estas elektita de la Akademio por anstataŭi lin.

2.— La Akademio elektis korespondantino **Fraŭlinon Lidja Zamenhof**, kaj korespondantoj **Sron Inĝenieron Dron. Orengo,** direktoron de la Sekcio „Teknikaj Vortaroj", kaj **Sron. R. Kreuz,** direktoron de U. E. A.

3. — **La Kongreso de Stokholmo,** laŭ propono de la prezidanto de L. K., unuvoĉe esprimis la deziron, ke la naciaj asocioj klopodu por prezenti, kiel reprezentantojn de sia nacia Lingvo en la L. K., la plej kompetentajn, kaj fidelajn al la Fundamento, el siaj samnaciuloj; ke la eldonistoj de periodaĵoj sendu unu ekzempleron de ĉiu numero al la Prezidanto de la L. K. kaj al la direktoro de la Sekcio de Kontrolo; ke la Akademio ricevu subvencion almenaŭ egalan al tiu, kiun ĝi ricevis de I. C. K. antaŭ la reorganizo de U. E. A. (Laŭ tiu ĉi deziresprimo, la nova komitato de U. E. A. decidis daŭrigi la subvencion al la Akademio.).

4. — Dum la Kongreso de Stokholmo okazis **kunsido de la L. K.** Estis aprobita prezentado de la deziresprimoj al la kongreso; estis pridiskutitaj la periodeco de la aldonoj al la Universala Vortaro, kaj la Teknikaj Vortaroj.

5. — La **Sekcio de Kontrolo** klopodis por trovi kunlaborantojn, turnante sin al la recenzistoj de la esperantistaj gazetoj, sed ne multe sukcesis. — Ĝi starigis **normajn lingvajn diplomojn,** kies celo estas determini relativan valoron de la lingvaj diplomoj disdonataj de la naciaj asocioj aŭ institucioj. Tiuj ĉi valoroj estos publikigataj en la jarlibro por 1935.

6. — **La jarlibro de la Lingva Komitato kaj de ĝia Akademio por 1934** aperis. Ĝi entenas la liston de la L. K.-anoj, aranĝitan laŭ nacioj. Al la nomo de ĉiu L. K.-ano estas kunigitaj la datoj de lia naskiĝo, de lia esperantistiĝo, de lia elekto al la L. K., kaj eventuale de lia elekto al la Akademio. Por ricevi tiun ĉi jarlibron sin turni al la **Centra Esperantista Librejo (11, Rue de Sèvres, Paris):** prezo: 2 Fr. Frk.

La Prezidanto:
**M. Rollet de l' Isle.**

# MIA SOMERA VOJAĜO.

## I. Verda stelo apud Nigra Maro.

Nigra Maro! Tiuj vortoj havis por mi ĉiam preskaŭ fabelan ĉarmon. Ekde la plej frua infaneco mi revis pri sovaĝaj ondoj, tiel nigraj, kiel okuloj de malgranda diableto, dancanta en infana teatro.

Fine tiujare mi realigis miajn revojn kaj veturis al bordo de Nigra Maro al Eforia la plej eleganta plaĝo en Rumanujo.

Sed antaŭ la forveturo mi havis gran-

dan zorgon. Mi sekrete povas diri, ke mi preskaŭ nenion sciis pri tiu ĉarma banloko.

Sed zorgoj ne ekzistas, kiam oni apartenas al granda, verda familio Kaj ĉiam, kiam oni havas familion alilande estas granda ĝojo kaj festo, se iu membro de tiu familio alvenas.

Do mi kuraĝe prenas esperantan jarlibron, kaj mi trovas:

— Constanta (Dobrogea) 80.000. — Ĉe Nigra Maro.

D: Dimitre Mincev, publicisto, str. Sabinelor 12.

Mi iomete timis skribi al tiu grava kaj nekonata familiano. Mi ne povis antaŭvidi, ĉu tio estas blankbarba aveto, petola kuzo, aŭ severmiena onklo. Fine mi krucosignis min, kaj skribis karton al Constanta.

Respondo kortuŝis min. Kun tremantaj manoj, molaj kruroj, malsekaj okuloj kaj fulmbatanta koro mi tralegis ĝin estime. Poste mi kelkfoje kapklinis super tiu karto, ĉar la korespondanto skribis, ke li estas verkisto, aŭtoro de multaj, historiaj verkoj. Mia fantazio tuj kreis la bildon de tiu „nekonata, verda soldato" Maljuna viro kun longa griza barbo, trempieda, kun dika bastono en la mano. Mi timis lin iomete, sed samtempe mi estis kontenta, ke mi havos bonan ŝirmon eksterlande.

Nigra Maro aperis tute alia, ol en mia fantazio. Blua, safira, ridanta, sun plena... Eforia estas tute moderna banloko, kun belegaj vilaoj en fantazia stilo. En kazino fluas granda maro de l' oro, diversaj homoj provas, ĉu la sorto ne povas ŝanĝiĝi je bona sorĉisto... Aliaj dancas apud la maro, tute arĝenta nokte. Ĉi tie havas modernan vilaon la frato de rumana reĝo princo Nikolao, posedanto de aeroplano, kiu eĉ ĉiutage povas lin transloki al Bucuresti. Ankaŭ en Eforia loĝas somere la filo de la reĝo, vojevodo Miĥaelo, kiu havas bluan vagonaron specialan nur por li.

La vetero estis brilanta kaj ora. Maro — kiel granda, blua miraklo. Bani sin en ĝi, estis vere ĉarme. Poste longe kuŝi sur ora sablo, kaj aŭskulti la susurantajn ondojn. La agordo de senzorgeco kaj rido. Bonegaj fruktoj tre malmultekostaj. Societo juna kaj vivplena.

Post kelkaj tagoj pasigitaj en Eforia mi kuraĝis skribi al mia mistera amiko en Constanta. Vi ĉiuj, kiuj legas nun mian modestan artikoleton, imagu nur mian emocion. Ĉu li estos? Kia li estos? Kaj tiel plu!

En roza robo, blanka ĉapelo, kun verda jarlibro kaj ruĝa koro, mi veturis al tiu esperanta rendevuo.

Dio mia! Nenie mi vidas maljunan sinjoron, blankbarban kun bastono en malforta mano. Certe li estas tro grava!..

— Bonan tagon, fraŭlino Injo!

Mi turnas min kaj ekvidas ridantan fraŭlinon, kiu kore elŝovas sian manon al mi. Kiu ĝis nun ne konas tiun fraŭlinon, devas tuj ekkoni ŝin. Tio estis fraŭlino Adamkova el Bohumin. Ĉeĥa samideanino ankaŭ venis apud Nigran Maron, kaj eksciinte de la sinjoro delegito pri mia alveno, kuris al la stacidomo por saluti min sincere.

Subite... el ombro de l' dorsoj de mia nova konatino, elŝoviĝis unue la mode sta nazo, poste malhela hararo de iu tre simpatia junulo.

Tio estis tiu legenda homo, sinjoro Dimitre Mincev. Kia seniluziiĝo! Nek barbo, nek bastono, nek okdek ok jarojn havanta delegito. En la unua minuto ni ridis, ridis kaj ridis. Montriĝis ankaŭ, ke la sinjoro delegito timis same min. Li esperis ekvidi maljunan fraŭlinon kun grandaj amerikanaj okulvitroj, artefaritaj dentoj kaj gravmiena vizaĝo. Ho, kara Esperanto! Kiom la surprizoj vi preparas al viaj batalantoj!

Sed la nova familiano estis okupita ĝisvespere, do ĉie akompanis min dolĉkora fraŭlino Adamkova. Ŝi jam konis tre bone la urbon, do ŝi gvidis min ĉie Ni havis multe da agrablaj aventuroj kun fraŭlino Ĉeĥino, sed mi ne povas tion priskribi, ĉar fraŭlino Adamkova havas patron kaj patrinon ankaŭ esperantistojn, do ili povus tralegi, kaj poste...

Constanta estas ne tre granda, sed tre bela kaj simpatia haveno. Oni sentas jam bone la influon de l' oriento. En la stratoj troviĝas multe da orientaj magazenoj kun tapiŝoj, braceletoj, ringoj, kaj turkaj dolĉaĵoj.

La plej bela placo estas la placo de Ovido kun monumento de tiu antikva poeto, mortinta en Rumanujo. En perspektivo oni vidas turkan preĝejon, kiu aldonas karakteron al la tuta urbo. Sed la plej bela parto de l' urbo estas ĉe l' bordo de l' maro. Tie reĝas moderna konstruaĵo de kazino, kie homoj el la tuta mondo alvenintaj per la maro, perdas la restojn de la mono. Ĉi tie troviĝas belaj restoracioj kun dancejoj.

Do kiam ni vespere renkontis denove la sinjoron delegiton, ni tuj iris dancejon, por ekscii, ĉu danco estas ankaŭ internacia lingvo. Agordo estis belega.

Kiel en arĝenta poemo! Dancloko en blanka restoracio „Vraĵa Marii" estas tute ĉe la bordo de l' marondoj. En tiu momento la maro estis tute arĝenta kaj brilanta dank' al la luno, kiu ridis senzorge. Maroficiroj promenadis tien kaj reen en blankaj uniformoj, fraŭlinoj kiel papilioj en multkoloraj someraj roboj, maraj lanternoj brilis el malproksimeco, kaj la orkestro ludis revige:

— Ninon, ho ekridu jam!...

Tri geesperantistoj, el tri diversaj landoj, kiuj antaŭ unu tago tute ne konis sin, nun fariĝis tri ege sinceraj amikoj! Tri reprezentantoj de slava nacio. Sinjoro Mincev estas Bulgaro. Li estas tre diligenta leganto de Pola Esperantisto kaj li pli bone scias kelkfoje pri nia krakova movado ol mi! Sambone li scias danci...

Tiunokte ni estis en teatro, kinejo, dancejo, kaj kazino. Mi ne plu bone memoras, en kiu loko fraŭlino Ĉeĥino ludis fortepiane nian esperantan himnon. Sed entuziazmo estis granda! Propagando ankaŭ!

Venontan matenon ni vizitis belegan banlokon Mamaia. Maro, suno, sablo, rido kaj Esperanto. Ĉu oni povas pli deziri? Agrabla horeto en malgranda restoracio epud dolĉa lago, kun insulo de Ovido.

Krom Eforia kaj Mamaia estas ankaŭ belaj plaĝoj: Carmen Sylva, kie loĝis fraŭlino Adamkova. Techirghiol, turka urbeto, Mangalia vasta plaĝo, unu el plej belaj en Eŭropo, Balĉic tre pitoreska „Arĝenta bordo".

Krom tiu tago mi ofte vizitis havenon, kaj ĉiam mi profitis de nia verda stelo. Mi ege badaŭris, ke mi forveturis, tute ne adiaŭante nian karan delegiton. Sed nia vojaĝo al Turkujo estis ne antaŭfiksebla. Post reveno de Istanbul ni vizitis la ĉefurbon de Rumanujo, kie ravis nin belegaj parkoj, larĝaj stratoj, modernaj konstruaĵoj kaj belegaj perspektivoj de tiu „Orienta Parizo".

Sed mi ĉiam plej kore memoras la sunan havenon, kie tiel hele brilas nia verda, esperanta stelo.

**Irena Szczepańska.**

LEONJA FRUCHT-NEUMANNOWA

## *LA DIGO*

La digo krevis. Ĝojfrenezaj fluoj
ĵetis sin sablen, benas liberigon.
Kun ĝuelspiro dorson ondoj streĉas —
Krevis la digo. —

Kie frapadis furiozaj pugnoj
de akv' kaptita, tranĉita per baro,
kie bruegis buŝ' ŝaŭmon ŝprucanta
bluegas maro. —

Krevos la digo, venkos homsopiro
krudan perforton, malican intrigon.
Kun lum' viviga mallum' luktos vane —
Krevos la digo!

Al Izidoro kaj Heleno Weber (Warszawa) en kora amikeco mi dediĉas ĉi poemon.

LEONJA FRUCHT-NEUMANNOWA

## KONFESO.

(Al mia edzo).

1. Mi dronigis okulojn en la viaj kaj, se vi deturnus de mi viajn rigardojn, en senespera blindeco mi vagus tra la mondo. Kiel virino el Andersen-fabelo donacinta okulojn al rivero.

2. Buŝo via fermis sepsigele miajn malĝojojn kaj dolorojn. Ne liberigu ilin, ĉar kun tiom pli granda furiozo ili sin ĵetos sur min — falkoj, al kiuj mano de falkisto deprenis fine la kapuĉon.

3. En varma tendo de viaj brakoj kiom da kvieto kaj trankvilo! Ekster ĝia rando furiozas ventego, tempestas uragano de l' vivo. Rifuzinte ĝin al mi, vi senkirasigus mian bruston kontraŭ rabiaj ekbatoj de l' sorto.

4. Frapado de niaj koroj — du diversaj motivoj de l' sama melodi'. Kiam via kor' malproksimiĝus de mi, la nefinita kanto, disŝirinte mian bruston, ekpendus super mi, kiel eterna doloro.

5. Vane mi esploras, kie finiĝas mi, kaj kie vi komenciĝas. Je unu sole estaĵo kunkreskis niaj korpoj, kunfandiĝis animoj. Repostulante vin mem, sammomente vi kondamnus min je morto. — Ĉu povas vivi arbo trahakita de sia supro ĝis trunkfundo?

*VENTEGO AŬTUNA*

Plendis blankaj astrofloroj,
Ke vent' ilin terenklinas,
Ili plendis, ili ploris
Per pluvlarmoj pezaj, brilaj.

Plendis eta knabinkoro,
Ke frakasis ĝin ventego
Ploris blankaj astrofloroj...
— — Kor' knabina plendis ege......

**LENA**.

# ESPERANTO ĈE BLINDULOJ.

## GRAVA DECIDO.

De la 4. ĝis 6. de oktobro de k. j. okazis en Varŝavo la ĝeneralkunveno de instruistoj de specialaj lernejoj por difektitaj infanoj (blinduloj, surdmutuloj, spirite difektitaj kaj morale neglektitaj). Ĉeestis 400 geinstruistoj. Inter multaj gravaj decidoj troviĝis ankaŭ la rezolucio, proponita de kpt. J. Silhan, tekstanta sekve:

„La 2. ĝeneralkunveno, konsiderante gravan etikan, didaktikan kaj praktikan valoron de internacia lingvo Esperanto kaj ĝian rapidan disvolviĝon inter la blinduloj en la tuta mondo, rekomendas enkonduki ĝin en la instruoprogramon de ĉiuj lernejoj porblindulaj".

Ĝis nun oni instruis Esperanton en tri lernejoj: Warszawa, Wilno kaj Lwów, antaŭe ankaŭ en Bydgoszcz. Ni esperu, ke la aludita rezolucio estos baldaŭ efektivigita ĝenerale.

# *DONACO AL MIA ONKLO.*

Mia onklo Auerbach estas komercicisto de koloniaj komercajoj. Lia vendejo, kies mallarĝa pordo kaj malgranda montrofenestro eĉ ne promesas la sekretan kaj preskaŭ teruregan profundecon de la magazeno, troviĝas ĉe unu el malnovaj kaj belaj stratoj de ena urbparto. La pordo havas ĝis hodiaŭ meĥanikan sonorilon, memorantan la tempojn de maljuna Auerbach, patro de mia onklo, kaj depost jaroj de mia juneco kuniĝas ĉe mi kun pensoj pri mia onklo, lia vendejo, lia familio, kaj eĉ kun pensoj pri lia maljuna kuiristino, bruema, sed tamen milda, ora — se mi tiel diros — sono de la pordsonorilo. En mia juneco, kiam nomoj de ekzotikaj insuloj kaj urboj donadis al mi malhelan imagon kaj estis scioj de siaspece romantika geografio — mi aŭdis obstinan, fortan kaj sekretan sonon de sonorilo en momentoj, kiam oni elparoladis nomojn de malproksimaj lokoj kaj insuloj: Jamajko, Honduraso, Kostariko, Sumatro, Borneo, kaj Guatemalo. Nome, tiuj nomoj aperadis preskaŭ ĉiam en la vendejo de mia onklo kaj en liaj paroladoj. Ili determinadis ian specon de la teo, kafo kaj rumo kaj oni povis ilin vidi presitaj blu—ruĝ—kaj or—litere sur paperaj etiketoj de la dikaj kaj maldikaj elegantaj boteloj kaj sur malgrandaj kubaj pakaĵetoj ĉirkaŭligitaj per delikataj ruĝ - blank - verdaj kaj nigr - flavaj ŝnuretoj, kies finojn kunigadis eta plumbplombo.

Mia onklo estas ŝparema homo. Jes, en tempoj, kiam mi tre malbone fartis, mi havis emon nomi lin avarulo, se eĉ ne avaregulo. Neniam mi ricevis de li — kiam mi estis juna — pakaĵeton kun ĉokoladpulvoro aŭ poste botelon da rumo. Neniam li aĉetis al mi libron — kiel tion faris aliaj onkloj — nur en kutimaj cirkonstancoj li donacis al mi malnovajn ĉarmplenajn, sed treege ellegitajn kun elfalantaj folioj, librojn, per kiuj oni ne povis distingiĝi, kiujn mi ne povis montradi.

Ili devenis de lia juneco kaj de lia biblioteko. Ili estis — kion mi scias ne pli frue ol hodiaŭ — belaj libroj, forgesitaj titoloj, verkistoj, malnovigintaj vojaĝpriskriboj. Ili rakontadis pri tiuj sovaĝuloj, kies filoj hodiaŭ en muzikhaloj montradas sian mondkoloron de la bronzo kaj kupro, aŭ defendas naciajn rajtojn en kongresoj de premegitaj malpligrandaj nacioj. Ĉiukaze neaktualaj libroj. Ili donadis al mi falsan imagon pri malproksimaj landoj kaj popoloj, kaj onklo Auerbach havis similan imagon.

En lia ĉambro ĉe lia domo mi neniam legis aliajn librojn. Li eĉ ne havis ver-

kojn de klasikaj verkistoj, kiuj en burĝaj domoj de ĉiuj miaj parencoj ludas gravan rolon de neuzeblaj, difekteblaj meblaĵoj de la kultura komforto. Onklo Auerbach ne plu legis kaj ne aĉetis pli multe da libroj, depost tiu tempo, kiam li komencis pridonacadi min per siaj malnovaj verkoj. Li havis ankoraŭ multege da ili kaj mi kreskis pli rapide ol tio al li ŝajnis. Baldaŭ mi havis jam tiam aĝon en kiu — laŭ opinio de Auerbach — oni ne plu legas vojaĝpriskribojn. La resto kuŝas ĉe li, certe la infanoj de alpaŝanta motora kaj flugila generacio ilin ne legos.

Onklo Auerbach principe ne legas librojn. Li ŝatas nenion beletristikan. Jes, eĉ prenante la gazeton en manojn li evitas felietonojn kaj tradicia linieto dividanta ilin de politiko estas limo de onklaj interesiĝoj kaj scivolaĵoj. Unufoje li tiel min demandis: „Ci skribas ankaŭ en gazeto?". „Jes" — mi respondis „Kaj kiom da enkondukaj artikoloj ci skribas semaine". „Neniom" — „Ci skribas ĉe fino — sub la linieto?" „Jes, de tempo al tempo". — „Do mi demandos la onklinon, ĉu ci havas bonan stilon". Kaj fino. Krom tio li neniam kun mi interparolis pri mia profesio. Nur unufoje, kiam kritiko de ia mia libro okaze troviĝis en vidkampo de mia onklo antaŭ linieto — li diris al mi maldolĉe: „Mi legis priparolon de cia romano. Nun oni ĉion presas en gazetoj!".

Mia onklo neniam vidis la maron. Longtempe mi pensis, ke li havas principe kontinentan naturon. Sed iafoje en sia butiko, kvin minutojn antaŭ fermo, kiam mi venis por aĉeti botelon da konjako — mia onklo diris: „Personaro malaperas nun je horo antaŭ ĉefo, kaj ĉiuj klientoj venadas ĵus antaŭ fermo". Kaj li mem supreniris malnovan ŝtupetaron kaj revenis kun du boteloj. „Eble ci preferas botelon da rumo" li demandis. „Hazarde mi havas maljunan Jamajkon kaj tian, kian vi ne plu ricevos. Cetere oni ĉiam diras: Jamajko! Kaj oni ne havas imagon! Jamajko! Bona rumo!!".

„Kaj bela nomo" mi diris. — Je mia plej granda miro Auerbach jesis tion: „bela nomo" — li ripetis kaj iris al angulo, prenis ŝlosilojn kaj ŝlosis la pordon. Poste ni eliris el la ĉambro tra la pordo gvidanta al koridoro. „Mankis malmulte kaj mi vojaĝus Jamajkon" li diris, kiam ni eliris la straton dum pluvo kaj mia onklo malfermis pluvombrelon. Kaj dumvoje en vespera pluveto rakontis Auerbach, ke en sia juneco li deziris iri maron, por ekkoni tiujn landojn, el kiuj devenas tiuj ĉiuj komercaĵoj amase ordigitaj en patra vendejo. Sed patro mortis, frato fariĝis advokato. Patrino vivis ankoraŭ kaj oni devis ŝin subteni. Rezignis do mia onklo de malproksima maro kaj insuloj. Mi ekmemoris tiujn vojaĝpriskribojn, kiujn li donacis al mi, sed mi ne aludis pri ili. Subite mi tute precize ekkomprenis, kial mia onklo post demeto de okulvitroj havis tian bluan brileton en siaj malgrandaj okuloj, kial lorno, kiun li neniam uzis, kuŝadis sur lia skribtablo, kaj malgranda kompaseto pendas ĉe lia ĉeneto de lia poŝhorloĝo. Kaj de tiam — rigardante liajn belajn blankajn vangharojn — mi pensis pri du veloj kaj ankaŭ pri mevoj...

Ĉiujare dum Kristnasko mi donacis al li ian bagatelaĵon. Malnecesan kaseton, cindrujon, eternan plumon, notlibreton, poŝpaperujon. De li mi ricevadis ĉiam botelon, specimenon de alkoholo, kiun mi povis kunpreni en poŝo de la veŝto De kiam mi ekkomprenis lian sorton — mi alportadis al li atlason, kompason, ŝablohorloĝon. Fine mi ne plu konas marajn objektojn kaj simbolojn. Mi decidiĝis tiujare donaci al li **librojn** — kaj, car suspekti lin pri scivolo por beletristiko egaliĝus kun malrespekto, mi volas al li tiel antaŭparoli:

„Kara onklo, mi scias, ke vi neniajn librojn legadas. Malgraŭ tio mi donacas al vi kelkajn. Ilin skribis homo, kiu nomiĝas Józef Konrad. Devene li estis Polo naskiĝis en plej profunda parto de la kontinento, nome en Wołyń inter 25 kaj 30 grado de longitudo orienten de Greenvich kaj lia patra lingvo estis pola lingvo, unu el plej kontinentaj en mondo. En deksesa vivjaro li vojaĝis Marsilion, supreniris ŝipon, fariĝis marservisto, migris tra maroj kaj fariĝis unu el plej grandaj majstroj de la plej oceana lingvo: angla lingvo. Jen liaj libroj, tiel maltrankvilaj kiel maro, tiel trankvilaj kiel maro kaj tiel profundaj kiel maro. Vi jam ne estas juna homo kara onklo. Neniam plu vi ekkonos oceanon. Ŝipbiletoj estas tro karaj. Legu do oceanon!"....

Kaj Auerbach alpaŝos ŝrankon kaj donacos al mi etan botelon da konjako en veŝtpoŝon.

El germana lingvo tradukis
**Natalja Kleinowa.**

DRO FELIKS BURDECKI

# PRI FLUIDIGO DE L' AERO FARE DE POLAJ SCIENCULOJ ANTAŬ 50 JAROJ.

Radiprelego de 17. V. 1933.

Detempe de la genia reforminto de l' ĉielo — Nikolao Kopernik el Toruń — la pola scienco havis diversan sorton. Ĝi trapasadis periodojn malpli brilajn, sed post momenta etapo de malpliigita tensio, kvazaŭ de krepuskado, ĝi ree venadis al nova brilo, donante al la mondo gravajn fruktojn de pola verkado. La falo de l' patrujo, la perdo de l' politika sendependeco ne influis minuse je disvolvo de pola scienca penso; tute kontraŭe, la energio de l' subpremita nacio kvazaŭ trovus partan elfluejon en fruktedona laboro sur kampo de l' scienco kaj progreso, la polaj scienculoj pruvadis per siaj laboroj la senmortecon de l' pola spirito. Fratoj Śniadecki, astronomo Armiński, fizikistoj Wróblewski, Olszewski, Smoluchowski, Dobrowolski, Witkowski kaj sinjorino Curie - Skłodowska — jen la plej eminentaj nomoj de polaj naturesploristoj kiuj dum tempoj de mallibera Polujo pridonacis la mondon per siaj gravaj laboraĵoj.

La naŭan de aprilo pasis speciale grava por disvolvo de fiziko datreveno de pola scienca akiro. Ankaŭ 50 jaroj en muroj de Jagiellona universitato en Kraków unuafoje en historio de l' homaro la gaso oksigeno ŝanĝiĝis je fluidaĵo, semajnon poste ankaŭ azoto, dua plej grava parto de l' aero fluidiĝis, post alkonduko de la temperaturo de l' gaŝo al nivelo de preskaŭ 150 gradoj de malvarmo laŭ Celsius. La sukceso de l' polaj scienculoj komencis sistemajn provojn de arta produktado de ĉiam malpli altaj temperaturoj kaj de esplorado de ecoj de gasoj kaj fluidaĵoj, subigitaj al tiuj temperaturoj.

Interesaj eksperimentoj de Wróblewski kaj Olszewski estis antaŭataj de aro da laboroj de aliaj instruituloj, kiuj per siaj eksperimentoj preparis la sciencan sukseson de niaj krakovaj fizikistoj, sed ili ne povis fieri pro tiel nekutimaj efikoj. Jam Lavoisier, bonega franca fizikisto, supozis, ke sub influo de malaltaj temperaturoj ĉiuj gasoj sanĝiĝas je fluida stato. Tiu aserto, kiel ni nun scias, efektive estas vera, sed komence de l' pasinta jarcento ĝi postulis eksperimentan ateston en tre multaj kazoj.

kubocentimetrojn da fluida heliumo, kaj ĉe eksperimentoj oni atingis temperaturon de ĉirkaŭ 270 minus-gradoj de C.!!

En la renaskiĝinta Polujo ne malaperis la tradicioj de Wróblewski kaj Olszewski. Inda posteulo de l' krakovaj scienculoj estas prof. dro Wolffke, direktoro de fizika instituto de l' varŝava politekniko. Komunaj esploroj de prof. Wolffke kaj de prof. Keesom, posteulo de Kamerlingh Onnes en Leyden rezultigis en j. 1927 malkovron de du malsamaj fluidaj statoj de heliumo, diferencantaj per denseco kaj aliaj fizikaj ecoj.

Ankoraŭ pli gravaj estis instruoj de prof. Wolffke, kiuj en la j. 1926 rezultigis solidigon de heliumo. Dum sia restado en Leyden en la j. 1924, ankoraŭ dum la tempoj de Kamerlingh Onnes, profesoro Wolffke prilaboris metodon pri solidigo de fluida heliumo. Sian ideon nia eminenta scienculo konatigis al Kamerlingh Onnes, kiu ekinteresiĝis pri projekto de sia pola kolego, sed okupite pri aliaj esploradoj tiun projekton ne realigis. En la j. 1925 prof. Wolffke klarigis sian ideon ankaŭ al prof. Keesom. Sed nur la sekvintan jaron laŭ lia recepto oni kunmetis en Leyden konvenan aparataron kaj tuj ĉe unua provo oni ricevis solidan hidrogenon!

Eminenta merito de la pola scienculo pro solidigo de l' lasta, plej rezista kemia elemento estas tute senduba.

La tekniko de ricevado de malaltaj temperaturoj faris dum lastaj jaroj ne kutiman progreson. Laŭ metodo de profesoro Simon el Breslau oni povas jam hodiaŭ malmultkoste dum lekcio demonstri fluidan heliumon en temperaturo de nur kvar gradoj super la punkto de absoluta zero. Rekordo de malaltaj temperaturoj nunmomente apartenas al profesoro Keesom, kiu la 18-an de februaro 1932 akiris temperaturon de 0.71 gradoj en skalo de absolutaj temperaturoj.

Nia mallonga skizo de historio pri almilito de malaltaj temperaturoj montras alokule altecon de pola scienca penso en tiu branĉo de scienco. Se antaŭ-ne-longa eksperimento mem pri solidigo de heliumo estis farata en Leyden, kaj ne en Warszawa, tio estas nur efiko de malriĉaj rimedoj, kiujn disponas la polaj laboratorioj.

Komenciĝis vetkuro de rekordoj por ricevi ankoraŭ pli malaltajn temperaturojn kaj solidigi kaj fluidigi lastajn mohikanojn de „fiksaj gasoj". Ekestis specialaj laboratorioj, en kiuj la scienculoj okupas sin pri ricevado de malaltaj temperaturoj kaj esplorado de ĥemiaj elementoj, submetitaj al tiuj temperaturoj. Je frunto de tiuj laborejoj elsoviĝis la fama instituto de Leydena universitato en Holando, kies fondinto estis eminenta scienculo Kamerlingh Onnes.

Estas neeble en mallonga radia prelego klarigi la metodojn, kiujn oni aplikas ĉe tiuj eksperimentoj. Ni nur menciu, ke ĉe fluidigado de azoto kaj oksigeno sufiĉas kelkfoje profiti el la konata aperaĵo de malvarmiĝado de korpoj, kiu sekvas sub influo de intensa vaporiĝado. Per tiu vojo oni povas ricevi temperaturojn ĝis 219 minus-gradoj de Celsius. Ĉe plua malvarmigado de gasoj kaj fluidaĵoj oni devas eluzi ankoraŭ aliajn aperaĵojn de naturo.

Laŭvice oni sukcesis ĉiujn gasojn alkonduki al fluida stato kaj eĉ al solida. La plej grandajn malfacilaĵojn kaŭzis la fluidigado kaj solidigado de hidrogeno kaj heliumo. Ne mirinde, ĉar ni ja hodiaŭ scias, ke, por ricevi fluidan hidrogenon, oni devas tiun gason malvarmigi minumume ĝis minus 241 gradoj C., kaj aldone apliki sufiĉe grandan premon. Por heliumo la necesa maksimuma temperaturo estas eĉ pli malalta. Heliumon oni devas malvarmigi minimume ĝis temperaturo de minus 268 C.-gradoj por povi ĝin fluidigi. Kaj oni devis memori, ke ekzistas malsupera limo de temperaturoj, ke la plej malalta limo entute estas la temperaturo de ĉirkaŭ 273 malvarmgradoj de Celsius. Ni povas senfine alproksimiĝadi al tiu kapturne malalta temperaturo, tamem neniam ni malsupreniros ĝian nivelon kaj ĉiu dekono de Celsius-grado en plua malaltigado de temperaturo, ni diru, de minus 270 gradoj C., estas ligita kun grandegaj kostoj kaj teknikaj malfacilajoj, ne parolante jam pri seriozaj malficilaĵoj ligitaj kun la mezurado mem de tiel malalta temperaturo.

Hidrogenon unuafoje fluidigis angla instruitulo Dewar en 1898 j., kaj 5 jarojn poste solidigis ĝin Travers kaj Jacquerod. La provoj fluidigi heliumon estis farataj jam de prof. Olszewski, sed fine Kamerlingh Onnes disponante bonege aranĝitan laboratorion sukcesis la 10-an de julio 1908 ricevi 60



Genia Miĥaelo Faraday, granda angla scienculo el unua duono de l' pasinta jarcento, sukcesis en fako de fluidigado de gasoj atingi unuajn gravajn rezultojn. Li sukcesis fluidigi karban bioksidon, amoniakon, kloron, klorhidron kaj sulfhidron. Tiujn esperigajn sukcesojn Faraday atingis dank' al aplikado de grandaj premoj ĉe relative ne granda malvarmigado de gasoj. Dudek jarojn poste en 1845 Faraday aplikas jam iom bonigitan metodon, per kies helpo li sukcesis malaltigi temperaturon de gasoj ĝis preskaŭ 110 minus-gradoj le Celsius. Dank' al tiu cinkonstanco la penadoj de Faraday estis kronataj pliparte de sukceso. Tamen hidrogeno, oksigeno, azoto kaj kelkaj aliaj gasoj plue ne perfidis emon fluidiĝi.

La laborojn kaj penadojn de Faraday kontinuis aliaj scienculoj. La ĉefa fortostreĉo estis direktata al problemo pri fluidigo de supre menciitaj stabilaj gasoj. Tamen dum vico da jaroj oni notis neniajn konkretajn rezultojn. Per multaj eksperimentoj kaj interesaj observoj oni pruvis, ke ĉe sufiĉa malaltigo de temperaturo de gasoj oni devas efektive esperi ilian ŝanĝiĝon je fluidaĵo, sed finajn, decidajn eksperimentojn oni ne sukcesis fari.

Sur vojo al fluidigo de l' oksigeno pli rimarkindajn rezultojn sendepende de si kaj preskaŭ samtempe atingis en la j. 1877 franco Cailletet kaj sviso Pictet. Cailletet dum eksperimentado rimarkis en iu momento formiĝadon de nubeto meze de vitrotubeto, enhavanta oksigenon. Tiu aperaĵo efektive pruvadis, ke la gaso eniris staton de fluidiĝo. Pictet asertis, ke li ricevis fluidaĵon. Tamen lia disertacio elmontras gravajn kalkulajn erarojn, kiuj igas dubi pri vero de liaj observoj.

Ĉiukaze estas sendube, ke nek Cailletet, nek Pictet ricevis certan fluidan amason de oksigeno kun supraĵo reflektanta kaj refraktanta la lumon. Tiun faron atingis Wróblewski kaj Olszewski en la j. 1883.

Zygmunt Olszewski apartenis sendube al la plej eminentaj scienculoj siatempaj. Li naskiĝis en Grodno la 28 de X 1845. Farinte maturecan ekzamenon en grodna gimnazio, li enskribiĝas ĉe la universitato en Kiev. La komencitajn studojn subite interrompas la eksplodo de l' insurekcio en 1863. Post malespera fortostreĉo en 1830 por forĵeti de si la fremdan jugon, la pola nacio ree decidiĝis je la arma ago en 1863

kaj komandate de patriotoj ĝi komencas batalon kontraŭ la cara registaro. Deksepjara Wróblewski decidiĝas aktive partopreni en la arma penado, profunde kredante la eblecon reakiri sendependecon de Polujo. Li travivas esperojn kaj la tragedion de ribelanto. Arestite en julio 1863, li estas kondamnita je ekzilo kaj kvin jarojn li restadas en Tomsk kaj Kazań. Al Warszawa li revenas el la j. 1869. Pro malsano de okuloj li konsultas kuracistojn, kiuj konsilas al li veturi eksterlanden kaj tie serĉi la resaniĝon. Dank' al tiu cirkonstanco Wróblewski en la sama jaro venas Berlinon kaj submetiĝas al kuracado, kontinuante samtempe kun fervoro la komencitajn iam fizikajn studojn.

Multaj eminentaj fizikistoj prelegis tiam en la ĉefurbo de Prusujo. Estas tre kredeble, ke esceptan influon je menso kaj esplordirekto de Wróblewski havis la prelegoj de Henriko G. Magnus, kiu enkondukis la novan adepton de scienco en sekretojn de instruo pri varmo. La elementa kuro al krea scienca laboro frue aperas ĉe Wróblewski. Tiutempe la venonta granda scienculo prilaboras ian, propran teorion fizikan — bedaŭrinde al ni nekonatan — kiu ekinteresis tiamajn fizikistojn, Clausius kaj Helmholtz. Fizikaj teorioj nur tiam havas sian valoron por progreso de scienco, kiam ili apogas sin je eksperimentoj, kiam ili estas pruvitaj eksperimente, kaj ili ofte estas tre multekostaj. Wróblewski ne havis tiam eblon financi el propra poŝo la eksperimentojn necesajn por subteni siajn teorion, li perlaboris malfacile per skribado de korespondaĵoj por gazetoj kaj vivis en tre malfacila materia situo. Tiuj malfacilaĵoj igis lin turni sin al kelkaj universitataj profesoroj kun peto permesi je eksperimentado en laborejoj de ili estrataj. Tiuvoje Wróblewski trafis al München, al profesoro Jolly.

Dum dujara restado en la ĉefurbo de Bavarujo Wróblewski faris multajn eksperimentojn kun elektro kaj verkis sciencan disertacion, pro kiu li ricevis doktoran diplomon. En sekva etapo de sia scienca kariero Wróblewski laboris en Strasbourgh kiel asistanto de bonega fizikisto profesoro Kundt. Komencas nombriĝadi la sciencaj laboroj de l' juna pola instruitulo, kaj lia nomo fariĝas, ĉiam pli multe konata en rondoj de fizikistoj. En la j. 1880 Wróblewski veturas Francujon kaj Anglujon kaj interrilatiĝas kun scienculoj de tiuj ŝtatoj. Dum kelka tempo li laboras tiam en laboratorio de profesoro Debray en Ecole Normale Supérieure kaj ekkonas profunde la laborojn kaj esplorojn de Cailletet.



En la j. 1882 Wróblewski revenas patrujon kaj ricevas katedron en la Jagiellona universitato. Fine realiĝas liaj revoj. Antaŭ la juna ankoraŭ scienculo malfermiĝas la eblo de scienca kaj pedagogia laboroj sur la honora posteno en la lando. Samtempe la oportunecon de laborkondiĉoj pliigas la cirkonstanco, ke en persono de profesoro de ĥemio — Karol Stanisław Olszewski — akiras Wróblewski sinceran amikon kaj valoran kunlaboranton en siaj sciencaj agadoj.

La favora grupiĝo de cirkonstancoj akompanantaj la sciencan verkadon de Wróblewski kaŭzas fruan efikon. La 9-an de aprilo 1883 unuafoje en la historio de l' homaro, eble eĉ unuafoje en la historio de l' tero, ĉe la temperaturo malpli ol 131 malvarmgradoj laŭ Celsius la gaso oksigeno sanĝiĝas en laborejoj de niaj scienculoj je fluidaĵo. Semajnon poste ankaŭ azoto ĉe aplikado de ankoraŭ malpli altaj temperaturoj estis fluidigata de Wróblewski kaj Olszewski!

Nekutima, kaj por tiuj tempoj simpladire sensacia, sukceso emiĝis ambaŭ scienculojn por pluaj laboroj kaj esploroj pri konduto de gasoj kaj fluidaĵoj en escepte malaltaj temperaturoj. En scienca laborejo de niaj instruituloj la laboro bolas. Ĉiutage estas farataj multaj kaj gravaj eksperimentoj en unua sur la terglobo instituto por esplorado de malaltaj temperaturoj.

Bedaŭrinde malfeliĉa akcidento rompas en pleno de agado la vivhistorion de nia granda instruitulo. La 16 de aprilo 1886 okupita pri desegnado de kurba linio pri kunpremeblo de hidrogeno senatente faliĝas la brulantan petrolan lampon. Priverŝite de la brulanta fluidaĵo li mortas en ne homaj suferoj.

La tro frua morto de l' genia scienculo ne ĉesiĝis tamen la pluan disvolvon de fiziko de malaltaj temperaturoj. La kolego de Wróblewski — profesoro Olszewski — faras multajn gravajn laborojn kaj eksperimentojn, en kies rezulto li sukcesas jam en komenco de nia jarcento, ĉe provoj de heliumfluidigo, arte ricevi rekorde malaltan temperaturon de 263.9 malvarmgradoj de Celsius!!

LEONO VIENANO.

# LA FOTAĴO.

Ŝi estas forte afliktita. Kiam vi rigardas ŝin, vi povas iafoje rimarki la malhelan nubon, mallumigantan ŝiajn bluajn okulojn. Kio okazis? Ĉu granda estas la malfeliĉo, kiu ŝin trafis? Ĉu ŝi estas malfeliĉe enamiĝinta? Ĉu ekposedis ŝin tia ege arda senreciproka amo, post kiu okazas, devas okazi katastrofo? Ne. La atako de la furiozanta amo jam delonge forpasis. En ŝia koro regas silento, kompleta silento. Lin ŝi jam ne rememoras. Se ekkaptas ŝin iam kaj iam la rememoro pri lia persono, tio estas tute hazarda, forflugema, sen konsiderinda signifo. Do la amo, la vera amo enfalis en la abismon de forgeso kaj la cindro de ĝia flamo ĉesis eĉ flagreti, vi ne trovos en ĝi eĉ unu plej etan fajreron. Do, nenio restis el la granda sento. Sed kio tiom deprimas ŝin kaj malvigligas ŝian konduton? Ŝi ja eĉ ne priploras lian foriron. Kontraŭe, ŝi estas kontenta, tre kontenta, ke tiel okazis. Se okazus alie, se li restus kaj ŝi ne povus forpermesi lin, ŝi ja certe suferus. Li ne estis inda pri ŝia amo. Pri tio ŝi nun tute ne dubas. Sekve, okazis bone, tre bone. Ŝi estas libera kaj la tuta mondo denove logas ŝin per siaj kolororiĉaj bildoj.

Ho, ŝi estus eĉ feliĉega, se ne... se ne.. la fotaĵo. Ne temas pri lia fotaĵo, kiu ne prezentas por ŝi ian ajn valoron. Kiam ŝi hazarde ekvidas ĝin, serĉfosante inter siaj diversaj paperoj, ŝia rigardo transglitas lian fotaĵon tute indiferente. Ŝi eĉ ne faras ian penon por preni ĝin kaj fikse, almenaŭ dummomente pli detale observi la iam amatajn trajtojn. Ne, ĉio formortis senrevene, feliĉe formortis. Fine, pri kio temas? Aŭskultu, temas pri ŝia propra fotaĵo. En momento de ŝia malforto, en unu el tiuj malmultaj temperoj, kiuj ŝajnas al ŝi nun tiel strangaj, ke ili povis ekzisti, ke ŝi povis esti kuntirita per la fluo de liaj dolĉe svenigaj vortoj kaj per lia penetranta, vigla rigardo, — li esprimis la deziron posedi ŝian fotaĵon. Tiam ŝi, komprenebl e, tuj konsentis al li sian plej belan foton. Li petis pri surskribo. Ŝi subskribis sur la foto sian nomon nur, menciante la nomon de tiu, al kiu ŝi donacis ĝin. Nenion plu. Tio estas, ŝiaopinie, la plej trafa dediĉomaniero. Du nomoj de homoj forte amantaj sin reciproke! — kiom da esprimo enestas en tio, eĉ kiam nenia vorto atentigas pri ĝi. Ŝi tiel kutimas, ŝi ĉiam tiel sentis kaj rezonis. Superfluaj estas ĉiuspecaj amoesprimoj, ili ja ŝvebas en ĉiu ŝia movo, kaŝas sin en ĉiu ŝia tono, ŝia tuta animo spiras la grandan senton, plenpleniganta n ŝian koron. Evidente tio ne sufiĉis por li. Grimaco de malkontento fuŝformis lian buŝon. Kial tiom seka, nenio m diranta dediĉo? Do, sekvis aldono tiel komprenebla en tiu momento, ĝi ne postulis la plej mallongan pripenson aŭ pridubon, ĝi ekaperis spontanee, ĝi elflugis el sub la plumo per si mem, kaj per lertaj literoj ŝi alskribis: „en signo de sincera amo".

Se ŝi scius, kiom da zorgoj kaŭzos al ŝi tiu mallonga surpapera esprimo, ŝi certe tion ne estus farinta. Se li estus honesta homo kaj la sento pri ilia amo estingiĝus tamen komplete, tiam la fakto pri la foto ne interesus ŝin. Ŝi estus certa, ke li scipovos rilati al la pasinteco kun konvena digno kaj li ne misuzos ŝian sinceran donacon. La fotaĵo eĉ estus agrabla memoraĵo pri ŝanĝiĝinta senta interrilato. Sed li ja montris sian monstran karakteron kaj la eĥo de ŝia sincera donaco jam atingis ŝian konscion. Duone esprimitaj, tamen sufiĉe klaraj, aludoj de ĝekamaradoj komprenigas al ŝi kiel li misuzas ŝian donacon. Ŝi ja ne povas nei sian propran dokumenton. Ŝi estas senhelpa. Ŝi ne scias, kiel forviŝi la solan postesignon de la false komprenita pasinteco. Tial ŝi estas deprimita, tial mallumiĝas ŝia hela rigardo kaj ŝia libera koro kliniĝas sub la pezo de ia stranga ŝarĝo.

Ŝi estas sen superstiĉoj, ŝi ne estas dependa de l' opinio de la publiko. Tamen lia misuzo, estanta sekvo de ŝia propra eraro, ega eraro, iel afliktas ŝin, forrabas de ŝi iafoje, eble nur dummomente, la plenan ĝojon pri la vera, bela vivo. Tiam pugniĝas ŝia delikata maneto kaj en ŝia koro ekĝermas forta decido: „ŝi estos alia, tute alia".

---



# TEATRO KAJ FILMO



## SONFILMA LINGVO ĈE MALGRANDNACIOJ.

En la norvega Esp.-gazeto „Esperantobladet" nro 4/1934 ni trovis jenan artikolon, kiun ni represis pro gusteco de opinio en ĝi esprimita. Cetere la problemo koncernas ne nur malgrandnaciojn, ĉar certe okazadas, ke ekz. en Francujo oni ludas ankaŭ angle parolantajn filmojn.

**La Red.**

Kion faras la angloj, germanoj, francoj kaj aliaj grandnacianoj, se de jaro al jaro en iliaj kinoj oni montrus sonfilmojn kun lingvaĵo, komprenebla nur al malmultaj el ili?

Certe ili ekfajfus kaj farus skandalon, ĝis la kinoj farus ion por kontentigi la publikon.

Sed malgrandnaciano iras en kinon kaj rigardas kaj aŭskultas fremdlingvan sonfilmon kvazaŭ netuŝeblan sanktajon. Kaj malgrandnaciano eĉ estas „plena je dankemo", ke oni bonvolas almenaŭ aldoni en lia lingvo klarigan tekston, kiu, cetere, kovras unu trionon de la ekrano kaj tiamaniere malhelpas la rigardadon de la ludo. Oni vere devas havi ĉevalan toleremon por trankvilkore rigardi tian fuŝaĵon. Sed ne estas mirinde, ke la popolamasoj de malgrandnacioj povas toleri fremdlingvan sonfilmon, ĉar ili estas ja kutimiĝintaj al tio, ke la grandnacioj altrudas sian lingvon en okazoj de neceso kaj neneceso. Sed mirinde estas, ke tiuj, kiuj pretendas esti en la malgrandnacioj defendantoj de ilia kulturo kaj lingvo, tute prisilentas la malnaturan staton tiurilate.

Povas ja esti, ke la reprezentantoj de kulturo kaj arto ne volas rekoni la filmon kiel surogaton de teatro, sed fakto estas, ke de la popolamaso ĝi estas tre ŝatata pro sia facila atingebleco.

Oni povas diri, ke apud la teatro la filmo estas tio, kio estas la gazeto apud la libro. Ĝi povas influi la popolamason same kiel la gazetaro. Kaj ĝuste pro tio tre gravas, kian lingvon oni parolas.

Se la preteksto, ke oni ne povas por la malgrandnacioj prepari apartajn sonfilmojn en ilia lingvo pro financaj kaŭzoj, estas definitive vera, oni preparu ilin en Esperanto, ĉar ĝi estas neŭtrala kaj multoble pli facile ellernebla ol kia ajn nacia lingvo. La malgrandnacioj tiam ne sentos tiel akre la „senvalorecon" de sia lingvo apud la grandnaciaj lingvoj. Kaj tiam ankaŭ oni ne povos diri, ke ĉi tiu malgrandnacio estas influata de tiu aŭ alia grandnacio, kies filmon oni montras plej ofte.

Pri Esperantaj sonfilmoj oni jam ne povos diri, ke ili ne kompensas sin, ĉar krom la malgrandnacioj oni povos montri ilin ankaŭ al grandaj nacioj, precipe en centroj, kie la esperantistaro estas plej granda. Tie oni certe dankeme akceptos tiajn filmojn.

Al la filmaktoroj, kiel plejparte inteligentaj homoj, la ellernado de Esperanto certe ne prezentos malfacilaĵojn, ĉar eĉ malkleruloj ellernas ĝin dum kompare mallonga tempo.

Do, Esperanto kiel facila, neŭtrala kaj internacia lingvo estas tre taŭga por la filmo, kiu ja mem estas internacia.

Kaj fine, kion opinias pri ni la eksterlandanoj, vizitante niajn kinojn? En unu kino estas germanlingva, en alia anglalingva kaj en tria franca filmo! Ili ekopinias, ke ni, norvegoj, estas poliglotoj aŭ ke ni ekzistas nur „fiktive". Tiel terura tamen la afero eble ne estas, sed rilate al la lingvo de kino ĉe ni tamen regas plena malordo.

Do, Esperanto estu la sonfilma lingvo!

## LA LASTAJ SUKCESOJ.

S-ro Couto Fernandes, prezidanto de Brazila Ligo Esperatista alsendis al nia Redakcio 20 noveldonitajn poŝtkartojn kun la bildoj de la plej bela urbo en la mondo, Rio de Janeiro. Por 5 respondkuponoj oni povas ricevi la kolekton de tiuj kartoj de la nomita Ligo, kies adreso estas: Av. Marechal Floriano 212 Rio de Janeiro.

En la venonta nro de P. E. ni donos pliajn detalojn.

Ĉiuj samideanoj bonvolu disvastigi la novaĵon kaj skribi dankleteron al: Departamento dos Correis e Telegrafos, Rio de Janeiro, Brazilo.

La IO N-ro de la grava kuracista gazeto Lijecnicki Vjestnik, Zagreb, Jugoslavio, dediĉita pro la 75-jara jubileo

de Prof. Wickerhauser, fama jugoslava ĥirurgiisto enhavas la Esperante skribitan resumon de artikolo de Dro Milan V. Crlenjak: Raporto pri higiena stato en Departemento Beograd, Kamparo de novembro 1915—1916.

Niaj jugoslavaj kolegoj komencas gravan verkon de disvastigo de Esperanto inter kuracistoj sudslavaj. Eble la bona ekzemplo trovos novajn adeptojn por pliviĝligo de internaciaj rilatoj pere de la helpa lingvo Zamenhofa, kiu estis ne forgesebla nia Kolego kaj homamema idealisto.

# SPORTO KAJ TURISMO

## ESPERANTO KAJ SPORTO.

La sporto regas la tutan civilizitan mondon. Ĉu la entuziasmo por ĝi estas senkondiĉe aprobinda, ĉu ne, tion mi ne intencas ekzameni. Mi konstatas nur la fakton. Kaj ni, esperantistoj, devas ĝuste konsideri ĝin. Ni devas racie eluzi ĝin en nia movado. Ne sufiĉas propagandi la utilon de nia lingvo inter la sportuloj, kiuj tiel profitus, se ili uzadus esperanton en ĉiam pli kaj pli kreskantaj interrilatoj de diversnaciaj konkursantoj dum internaciaj sportaj aranĝoj. Ni mem devas aktive partopreni en tiuj ĉi sportkonkursoj en- kaj eksterlandaj. Niaj sportuloj esperantistoj devas organizi en ĉiuj landoj proprajn „team"ojn, kiuj bataladus sub la signo de verda stelo. Verdaj kluboj povus ekesti en niaj grandaj urboj. Tiam la granda publiko, kiu en centoj da miloj vizitadas la stadiojn, estus ankaŭ atentigita tiamaniere pri Esperanto. Se ni volas teni la ritmon kun la moderna progreso, se ni volas konservi la intiman kontakton kun la antaŭen-marŝanta vivo, ni devas respekti la spiriton de nia tempo. Ni flegu la sporton, ni subtenu ĝin en niaj vicoj! Ankaŭ niajn internaciajn Esperanto-kongresojn ni eluzu por aranĝi samtempe sportajn konkursojn! Tiaj aranĝoj aperus por multaj malnovaj, fidelaj samideanoj eble ridindaj, sed ili pripensu, ke depost Boulogne'a kongreso la mondo ŝanĝiĝis profunde kaj nenia granda movado devas ignori la potencajn rimedojn, kiujn liveras la pulsanta vivo.

Verdaj sportuloj antaŭen! Helpu nian movadon ankaŭ sur la sporta areno tutmonda! **Sigma.**

# LIBROJ RICEVITAJ.

En la unua vico mi devas danki s-ron J. A. Charles, Medical Officer of Health (Estro de Higieno) en Newcastle upon Tyne pro lia afabla sendo de Raporto (Annual Report on the sanitary Condition of the City).

Estas neforgesebla rememorajo de belaj tagoj kaj gastemeco en Newcastle dum nia travojaĝo post la Edinburga Esper.-Kongreso.

Ni estis tiam kore akceptataj de lia Moŝto Lordo Majoro Antony Oates kaj lia afabla Edzino kune kun eminentuloj de la Newcastla Societo.

De tiu tempo ni regule ricevas ĉiujare Raporton de la Higiena Komitato. En tiu interesa raporto, kiu kreskas de jaro al jaro kaj nun estas jam duoble pli granda, ol en antaŭaj jaroj, ni trovas la progresojn de la higiena kaj ĝenerale saneca stato de l' urbo. La raporto estas jam 61 ek de la komenco de la agado.

El la raporto ni ekscias ekz. ke Newcastle posedas pli altan nombron de naskiĝoj, ol aliaj 118 urboj de Britujo 16,4 por 1000 da loĝantoj.

Tuberkulozo ne estas tiom disvolvita en N., ĉar por 1000 mortas nur 0,91. En multaj aliaj urboj de Eŭropo tiu ĉi malsano neniigas multe pli da homaj vivoj. Tifo kaj paratifoj ankaŭ ne estas disvastigitaj, % estas nur 0,9. Plej disvastigitaj estas morbilo kaj skarlatino.

La raporto donas datojn pri diversaj momentoj ekonomiaj, kiuj influas disvolvon de malsanoj, sed por detala priskribo ni ne havas tie ĉi sufiĉe da loko, ni nur rekomendas al niaj legantoj la tralegon de l' interesa raporto (angla lingve). **O. Bujwid**

Du advokatoj sidas en restoracio ĉe vino kaj diskutas pri diversaj paragrafoj. Ili estas diversopiniaj. Pro tio ili postulas de la kelnero la leĝolibron. Post mallonga tempo aperas la restoraciestro mem kaj diras: „Estimataj ŝinjoroj, mi ne posedas leĝolibron; sed mi ne postulos pagon por la vino".

**(R. U.)**

# POLLANDA KRONIKO

**Kraków.** La 16 de oktobro kj. okazis ĝen. kunv. de „Societo Esperanto". Oni elektis jenan estraron: prezidanto — prof. Dr. Bujwid, vic-prez. — Dr. Dreher, hon. v.-prez. — Neubergowa, sekret. — Kutscher, v.-sekr. — Zollmanówna, kasisto — Srebrna, v.-kas. — Grünberg, bibliot. — Szatanówna, ano — Bertiżanka, Rev. Kom.: Weinsberg, Presser kaj prof. Kowalski.

**Lwów.** Nia Prezidantino, s-ino Fels rakontis en amuza maniero pri la Stockholma Kongreso. — F-ino M. Mantel intervjuis stacion „Polskie Radio Lwów". Okazis speciala gvidado de Direktoroj Petri kaj inĝ. Witold Scazighino, komuna fotografiĝo por „Heroldo de Esperanto". Ambaŭ Direktoroj subtenas Esp-on per disaŭdigoj de paroladoj, faritaj de Dr. Karol Klein. — F-ino M. Mantel gvidas kurson por progresintoj el faklernejo. — S-ro Zb. Zieliński parolis en sprita maniero pri sia „vojaĝo al Afriko per Esperanto". Li danke estis aplaŭdata.

# RADIO.

Por montri, kiel modele laboras en Esp. la r-stacio en Brno, ni represas ĝian plej novan bultenon. Samtempe **ni tre petas** subteni ĝin per sendo de dankskriboj. Nur unu korespondaĵo sendita el el Pollando kompare kun la tuta nombro **estas vere** hontiga!! Sed ne forgesu, ke ankaŭ **Pollandaj r-stacioj** disaŭdigas Esp-on, tial **fervore subtenu ilin.**

**La Red.**

---

Radiojournal Brno, Kounicova 44. Ĉeĥoslovakio. 325,4 m. 32 kW.

Praha 470.2 m. 120 kW. Bratislava 298.8 m. 13.5 kW. Mor. Ostrava 269.5 m. 2.6 kW. Košice 259.1 m. 11.2 kW.

**NIA PROGRAMO POR NOVEMBRO**

**SOS — bulteno N-ro 4.**

**7. novembro de la 22.15 MET per ĉiuj ĉeĥoslovakiaj stacioj.**

**ESPERANTA HORETO.**

**La programo: 1:** Dr. Jar. Kallab, profesoro de la Masaryk-universitato en Brno: **Ideoj de paco. 2. Leterkesto** de J. V. Šamla. **3.** Bedrich Smetana: **Solena uverturo. 4.** F. K. Zeman: **Du voĉoj** Radioludo en kelkaj bildoj. — Personoj: oficistino el telefoncentralo, sekretario el telefoncentralo. **5.** Bretislav Bakala: **Naciaj kantoj ĉeĥoslovakaj.** Ludas anoj de TRAKT, kantas Moravia ĥorkvarteto. Reĝio J. Bezdiĉek.

**SCIIGO:** Post la lasta horeto, la 3-an de oktobro, ricevis Radiojournal Brno, la „Ve da stacio", grandan nombron da alskriboj, atestantaj la aŭskultadon.

Jen la ordigo de ili:

Anglujo 3, Aŭstrio 1, Belgio 3, Bulgarujo 3, Ĉeĥoslovakio 68, Danlando 2, Estonio 1, Francujo 78, Germanujo 18, Hispanio 2, Hungario 9, Holando 1, Italio 3, Jugoslavio 43, Latvio 1, Polujo 1, Rumanujo 2, Svedio 15, Svisujo 1. **19 landoj — alskriboj 255.**

Pli ol kvaronmilo da samideanoj skribis al ni. Ĝi estas sufiĉa nombro por povi direktiĝi laŭ iliaj kritikoj kaj deziroj. Kaj ni ĝoje direktiĝas laŭ la volo de niaj aŭskultantoj kaj estas dankaj por ilia kritiko, ĉar ili ofte atentigas nin pri aferoj, kiujn ni mem ne rimarkas aŭ rimarki eĉ ne povas.

**SOS — bulteno.**

Por konigi al niaj aŭskultantoj la esperanto - programon, eldonas la stacio la t. n. SOS-bultenon, plumultigatan laŭbezone. Ĝi celas atentigi kiel eble plej multajn samideanojn, kiel eble plej grandan aron da aŭskultantoj. Ni ripetas tion tial, ĉar ofte postulas unuopuloj, izoluloj alsendadon de la bulteno. Kaj jen ni volas diri: se ni devus sendadi la bultenon al unuopuloj, ni devus presigi kelkajn milojn da ili, pri financaj kaj precipe teknikaj malfacilaĵoj eĉ ne parolante. Tial ni sendas la bultenon, kiun ni cetere eldonas en 500 ekzempleroj, nur al redakcioj, asocioj, gravaj kluboj, radioparolantoj, al niaj kunlaborantoj kaj al tiuj samideanoj, kiuj povas presigi nian programon en iu ajn gazeto ĉu esperanta aŭ nacia. Nur represo en gazetoj, per diskonigo en radio aŭ en kluboj estas eble, ke pri nia programo eksciu plej granda nombro da samideanoj. Kaj malgraŭ ĉio ĉi okazas ankoraŭ, ke troviĝas interesemuloj, kiuj kaptis esperanto-programon tute hazarde, ne sciante pri ĝi antaŭe.

**Ni petas vin.** Se vi sukcesis represigi nian programon en iu gazeto, bonvolu afable sendi al nia stacio unu ekzempleron, por ke ni povu uzi ĝin unue kiel propagandan materialon kaj due por nia arkivo.

**La Verda stacio honora kaj patronada membro de RKEF.**

Radio-Klubo Esperantista en Francujo nomis la radiostacion de Brno, reprezentatan per ESE inĝ. Antonin Slavik, direktoro de la stacio, sia honora kaj patronada memoro. Ankaŭ ĉi loke ni dankas la estraron de la RKEF por la granda honoro, per kiu ĝi regalis nian stacion.

**ESPERANTO EN POLAJ R-STACIOJ.**

6. XI. mardo 22h45—23h00 Prof. Dro K. Rouppert: Plantoprotektado en Pollando.

8. XI. ĵaŭdo 22h45—23h. Tad Hodakowski: Esp. radia leterkesto.

21. XI. merkr. 21h30—21h40 Prof. Tad. Biliński: Pola toleremo kaj pacamo.

22. XI. ĵaŭdo 22h45—23h prof. Dro Odo Bujwid: Zamenhof kaj lia verko.

29. XI. ĵaŭdo 22h45—23h00 Prof. Dro Edward Ralski: Plantokulturado en Pollando.

## *EL LETEROJ AL LA REDAKCIO.*

...mi sciigas vin pri ia aranĝo rilate la vizitadon de la klub-vesperoj. Do mi proponis al nia estaro la enkondukon de tri specoj de premioj por la membraro, celante pliivigligi kaj instigi denove regulan partoprenon de niaj ĉi tieaj geesperantistoj je la ĉiusemajnaj grupvesperoj. Pro tio ni decidiĝis disdoni okaze de la proksimjara ĝeneralkunveno 3 **premiojn en formo de ora, arĝenta kaj bronza esperanta insigno: pinglo por membroj, — broĉoj por inoj.**

1. **La oran** ricevas la ĉiam regule la klubvesperojn vizitanta membro, kiu nur tre malofte nur pro gravaj kaŭzoj ĝustatempe telef. aŭ skribe senkulpiĝante, forrestas.

2. **La arĝentan stelon** ricevas tiu persono, kiu venas al pli ol la duono de la grupkunvenoj, forrestas ankaŭ nur pro gravaj malhelpaĵoj, kaj senkulpiĝas ĝustatempe.

3. **La bronzan premion** ricevas la nur malofte veninta, sed ĉiam senkulpiĝanta membro.

Kondiĉo estas nature, ke ĉiuj premiotoj **ĉiam** regule kaj ĝustatempe pagu la klub**kotizon.** Laŭvole kaj laŭ la stato de l' kaso oni povas ankaŭ disdoni kelkajn konsolpremiojn ekzemple en formo de kinobiletoj. Por kontrolo la ĉeestantoj devas dum ĉiu klubkunveno subskribi sin laŭdate kaj noti diversajn senkulpiĝojn en speciala „ora" libreto. Laŭ la sperto post kelkaj semajnoj ŝajnas al mi esti tio bona instigilo ĝenerale ankaŭ por aliaj malviglaj kluboj.

Kun samideanaj salutoj

**Blanka Haas**

delegitedzino, Bielsko.

**ALIA LETERO.**

... mi uzos la okazon por priskribi al vi du esperantoservojn, spertitajn de mi, por ke vi publikigu tion en P. E. La unuan servon mi faris al iu ruso loĝanta en Berlino, kiu turnis sin al mi kun peto akceli aferon de havigo al li de naskiĝatesto. Lia naskiĝloko restis en Rusujo, dume ĝia parofio — en Polujo, apud landlimo, en vilaĝo Wołma. Lia letero skribita polruse al tiea pastro restis senresponda. Mi do skribis al konata afergvidanto en starostejo en Wołożyn, ke li pere de komunumestro esploru la aferon. Baldaŭ venis respondo — la letero estas sendita de katolika pastro al la ortodoksa en Raków. Skribinte al tiu ĉi, kaj ofertinte min por eventuala perado en korespondo, mi ricevis la ateston kontraŭ remburso, por kiu mi devis pagi preskaŭ 8 zł. Skribinte al petinto pri redono de la elspezita sumo, mi baldaŭ ĝin ricevis kun multaj dankoj. Resendante do la akiritan ateston mi rimarkigis, ke pro ne-UEA-aneco de la sinjoro — mi rajtis malplenumi la peton, tamen mi ĝin faris kaj nun esperas, ke UEA-aniĝo baldaŭ sekvos.

La dua servo estas eble malpli grava sed pli interesa. Iafoje mi kun kelkaj konatoj turnis atenton al belsona, kanta voĉo de parolistino en Radio Milano, kaj mi al la nekredemuloj, ekproponis ricevon de sciigoj pri ŝia persono pere de esperanto, kaj eble eĉ havigos ŝian foton. En okazo de sukceso ili promesis varbiĝi al Esperanto. La aferon do mi priskribis al delegito de UEA en Milano s-ro Giovani Tanzi, menciante, ke ĝi povas havi pli grandan propagandan efikon. La eksperimento bonege sukcesis. S-ro Tanzi, ne estante radioamatoro, tamen po pruvi taŭgecon de Esperanto, post venko de malfacilaĵoj vizitis ŝin kaj ricevis foton, kiun li

sendis al mi. Rekompence li nur petas puni nekredemulojn per sendo de polaj poŝtmarkoj, kiujn li utiligos por varbo al esperanto de studentoj.

Kiam la aferon mi prezentis al unu el miaj konatoj-ĵurnalistoj li kliŝigis la foton kaj aperigis en ĉi-tiea gazeto.

Korajn salutojn...

inĝ. **M. Chmieliński**, Nowogródek.

MANAS KOTT

## *Sur trapezo.*

(Impreso el cirko).

Taglage vespere mi grimpas sur ŝnuro,
por kapti trapezon, kiu sin balancas —
sube kapoj, koloj sin miksas terure
kaj supre ŝancelas la lampoj en danco.

Sur mil' da okuloj poz' mia rebrilas
Kaj ekstazon vekas mia s a l t' m o r t a l e,
la publikon kaptas atend' maltrankvila,
la lum' de cirklampoj malfortigas pala.

Jam „bis" vi ne voku, aplaŭdojn ne faru.
Amaso! mi konas vian plejkaŝitan
volon, kiu brilas en homokularo,

en malsata rigard' kaj pasiigita —
— ekaŭdi krakkrion surdigan kaj jen —
ekvidi masakron sur cirka aren'!

# VORTOJ PETANTAJ PRI MELODIO.

Estis bela, bela fabelo,
jam finiĝis...
Sonĝo estis ĉarma, belega,
ni vekiĝis...
Kaj ĉirkaŭe jen rigardas
nun malgajaj la okuloj:
la reĝin' kun kavaliro
jam perdiĝis en nebuloj.
Reĝidino donis propran
koron varman, —
Ŝi ricevis malesperon,
plendon larman.
Sincerecon belan donis
kavaliro, —
la malĝojo al li restis
kaj sopiro.
Ne bedaŭras ni, se eĉ finiĝis
fabel' per disiĝo.
Ne bedaŭras, se eĉ malaperis
la sonĝ' en vekiĝo.
Kaj tremanta de doloro
vane nun demandas buŝo
„kie estas de la sonĝo
amo kaj kortuŝo?"
Tamen estis bela, bela
la fabelo
pri reĝin' kaj kavaliro
en kastelo.
Se reigi volus vivon
Dipotenco,
ni dezirus tamen sonĝi
de komenco.

**L. Tazbirowa** (Warszawa).

---

Unua gasto (al la restoraciestro): Sinjoro Goldstein, bonvolu alporti al ni konjakon kaj ankaŭ vi mem trinku kun ni!

Dua gasto: Ĉu vi freneziĝis? Kial vi estas tiel facilanima? Kial vi invitis la posedanton trinki kun ni?

Unua gasto: Ĉar, se li trinkos kun ni, li certe alportos konjakon trinkeblan!

**(L. Rereips.)**

PRENUMERATA: rocznie zł. 8.—, półrocznie zł. 4.— Dla Towarzystw i grup esper. rocznie zł. 6.— Zagranicą: 5 fr. szw. Numer pojedynczy zł. 0.70. podwójny zł. 1.40.
OGŁOSZENIA: 1/2 strony zł. 30.— 1/4 strony zł. 15.— 1/8 strony zł. 10.— Korespondencja: małe ogłosz. z 10 słów (prócz adresu) zł. 1.—

ABONO: jare zł. 8.—, duonjare zł. 4.—. Por societoj kaj grupoj esperantistaj jare zł. 6. — Eksterlande 5 sv. fr. Aparta numero zł. 0.70 duobla zł. 1.40.
ANONCOJ: 1/2 paĝo zł. 30.— 1/4 paĝo zł. 15.— 1/8 paĝo zł. 10.— Korespondado: anonceto de 10 vortoj (krom adreso) zł. 1.—

REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: KRAKOW, LUBICZ 34. KONTO P. K. O. NR. 406.660

Drukarnia L. Gronusia i Ski, Kraków, ul. Stolarska 0. Redaktor odpowiedzialny: Juljusz Kriss.